

# BRAZILA ESPERANTISTO


OFICIALA ORGANO

de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

NOVEMBRO-1910-DECEMBRO

Elirante ĉiumonate — Apparecendo mensalmente

REDAKCIO--RUA SETE DE SETEMBRO N. 195

RIO DE JANEIRO — BRAZILIO




## ENHAVO






Rio de Janeiro -- Brazilio

## GRUPOJ ESPERANTISTAJ

1906.—Marto—*"Suda Stelaro."* Campinas—Ŝtato S. Paŭlo. Prez. Ing' Tobias R. Leite.

Junio—*Brazila* Klubo *"Esperanto".*—Rua Sete de Setembro, 195.—Rio de Janeiro. Prez. Majoro Lauriano das Trinas.

1907—Majo—*Esperanta Petropolisa Grupo.*—Petropolis. Prez. Dr. Jacome Martins Baggi de Araujo.

Septembro.—*Esperanto Klubo* — Aracaú — Ŝtato Sergipe. Prez. D-ro Alcebiades Corrêa Paes.

1908—*G. E. de Bom Jardim.* Ŝtato Rio.—Prez. João Alfredo Desiderio Combat.

Junio.—*Brazila Espero* (Virina grupo). Campinas. Ŝtato S. Paulo. Prez Fino. Julia Moreira Dias.

1909.—*Esperantistinaro.* Guaratinguetá. Ŝtato S. Paulo. Prez Sino Maria Antonietta Milliet.

Aprilo.—*Grupo "Zamenhof"* Queluz. Ŝtato S. Paulo. Prez Pedro Theophilo Teixeira.

Julio.—*Norda Mateno* Tamoyos n. 41 B. Belem, Ŝtato Pará.—Prez. D-ro Nuno Baena,

1910.—Julio.—*Grupo Esperantista de Juiz de Fora.*—J. Fóra. Ŝtato Minas Geraes. Prez. Paulino Bandeira.

Ni publikigas nur la nomojn de l' grupoj, kiuj aliĝis al B. L. E. aŭ helpis Brazilan Esperantiston.

# BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

Unuiĝo kreas forton

A Brazila Ligo Esperantista (Liga Esperantista Brazileira) cuja directoria é annualmente eleita pelos Congressos, tem por fim dirigir a propaganda do esperanto no Brazil em questões de interesse geral, proceder a exames de esperanto, dar diplomas de professores, auxiliar os grupos e representar em qualquer emergencia a opinião dos esperantistas brazileiros.

Séde—Rio de Janeiro, rua Sete de Setembro, 195.

Cotisação annual. Cada grupo que adherir paga 10$ por anno e elege um delegado, de preferencia residente no Rio de Janeiro. Pode o Grupo escolher mais de um delegado, pagando nessa hypothese 10$ por cada um.

Qualquer pessoa pode isoladamente adherir à Liga, pagando a annuidade de 5$. Não ha joia.

Vantagens. Os grupos que adherirem á Liga gozarão das seguintes vantagens:

*a*) Recebem o «Brazila Esperantisto» para os socios com abatimento de 20 % do preço da assignatura annual;

*b* Por intermedio dos seus delegados são informados das decisões da Directoria da Liga, nas quaes tomam parte;

*c* Gozam de Abatimento nas edições da Liga e nas encommendas que por meio della fizerem de quaesquer obras esperantistas;

*d* Recebem da Liga todo o auxilio que esta lhes puder prestar, em beneficio da propaganda e diffusão do esperanto;

*e* Podem publicar no orgão official da Liga informações mensaes sobre o movimento esperantista local.

Nota.—*A Liga não intervem em assumptos referentes á vida interna dos grupos filiados, podendo estes agir livremente de accordo com os fins para que foram creados.*

Das vantagens *c*, *d* e *e* gozam tambem as pessoas que adherirem isoladamente á Liga, as quaes recebem o Brazila Esperantisto».

A relação dos grupos filiados e das pessoas que adherirem á Liga será publicada no «Brazila Esperantisto» e no «Brazila Adresaro» a apparecer brevemente.

Chamamos a attenção das directorias dos grupos esperantistas e de todos os bons *samideanoj* maxime os que não fazem parte de grupos locaes, para a conveniencia da adhesão á Liga, conforme o voto emittido pelo 3.º Congresso Brasileiro de Esperanto.

As pessoas que adherirem á Liga devem utilisar o seguinte boletim:

BRAZILA LIGO ESPERANTISTA
BOLETIM DE ADHESÃO
1910

*Nome*..............................

*Profissão*..............................

*Endereço*..............................

..............................

*Data e assignatura*..............................

..............................

Escrever legivelmente e remetter, com a importancia da adhesão, sob registro ou vale postal, ao sr. Edmundo Tribouillet, thesoureiro, rua Sete Setembro 195. O remettente receberá o cartão de membro da Liga, e o «Brazila Esperantisto.»

Quanto á adhesão dos grupos e demais informações, dirigir-se ao Sr. J. B. Mello Souza, 1º Secretario, rua Sete Setembro 195.

# BRAZILA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO

de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

3-a. Jaro | NOVEMBRO - 1910 - DECEMBRO | Numero 5-6

JARABONO
En Brazilio 3$000
Eksterlande 5.fr. (2, Sm.)

Elirante ĉiumonate — Apparecendo mensalmente
REDAKCIO — RUA SETE DE SETEMBRO, 195
RIO DE JANEIRO — BRAZILIO

Specimeno 0,fr 50(0,Sm20
Num. avulso 300 réis
Helpabono 10$000

## Parolado de D-ro Zamenhof

—

ĉe la Sesa Kongreso en Washington.

—

Lando de libereco, lando de estonteco, mi vin salutas! Lando, pri kiu revis kaj nun ankoraŭ revas multaj suferantoj kaj senkulpaj persekutatoj, mi vin salutas. Regno de homoj, kiu apartenas ne al tiu aŭ alia gento aŭ eklezio, sed al ĉiuj siaj honestaj filoj, mi klinas min antaŭ vi, kaj mi estas feliĉa, ke la sorto permesis al mi vin vidi kaj spiri almenaŭ dum kelka tempo vian liberan, de neniu monopoligitan aeron.

Saluton al vi, Usono, plej potenca reprezentanto de la nova mondo. Ni, filoj de la malnova kaj maljuna kontinento, venis al vi kiel gastoj; sed ne vidama turismo enŝipigis nin, ne al espero de ia komerca akiro pelis nin al via bordo. Ni venis al vi, por alporti al vi novan senton kaj novan ideon, ni venis, por alporti novan kuraĝon al tiuj niaj samideanoj kaj samidealanoj, kiuj ĝis nun laboris inter vi kaj kies vortoj pri ia nova popolo eble ŝajnis al vi tro fabelaj. Peco de tiu miksdevena kaj tamen lingve kore unuigita popolo nun staras antaŭ vi reale kaj vivante. Rigardu nin, aŭskultu nin, kaj konvinkiĝu, ke ni ne estas fabelo. Ni estas diversgentanoj, kaj tamen ni sentas nin kiel samgentanoj, ĉar ni komprenas nin kiel samgentanoj, havante nenian bezonon humiligi aŭ fremdlingve balbutigi unu la alian. Ni esperas, ke dank'al nia laborado pli aŭ malpli frue la tuta mondo simliĝos al ni kaj fariĝos unu granda homa gento, konsistanta el diversaj familioj, interne apartlingvaj kaj apartmoraj sed ekstere samlingvaj kaj sammoraj. Al tiu nia laborado, kiu celas krei iom post iom unuigitan, sekve fortigitan kaj spirite altigitan homaron, ni nun invitas vin, filoj de Usono. Kaj ni esperas, ke nia voko ne restos vana, sed ke ĝi baldaŭ eĥe resonos en ĉiuj anguloj de via lando kaj tra tuta via kontinento.

Nur tre malmultaj el ni povis veni en vian landon ĉar ni, Esperantistoj, ne estas homoj riĉaj; de nia nuna kongreso ni sekve ne povas atendi gravajn decidojn, kiuj havus signifon por la tuta Esperantistaro. Ni venis al vi, Usonanoj, precipe por pasigi en via mezo kaj antaŭ viaj okuloj unu semajnon de nia esperantista vivo, por montri al vi almenaŭ malgrandan pecon de tiu vivo, por alporti al vi semon; kaj ni esperas, ke post nia foriro tiu semo potence ĝermos kaj kreskos, kaj en via lando nia afero baldaŭ havos siajn plej favorajn kaj plej gravajn apostolojn.

* * *

En via lando, Usonaj samideanoj, nia afero estas ankoraŭ tro juna, kaj multaj el vi ne ellaboris al si ankoraŭ tute klaran juĝon pri ĝi; tial permesu, ke mi almenaŭ *iom* esploru antaŭ vi la vojon, kiun ni iras.

Kion celas la Esperantista movado? Ĝi celas atingi reciprokan komprenadon inter ĉiuj homoj kaj popoloj. Por kio ni bezonas tian reciprokan komprenadon? Kiaj estas la sekvoj, kiujn ni atendas de ĝi? Kial ni deziras, ke ĝi estu nepre sur fundamento neŭtrala? Kial ni tiel persiste laboras por ĝi? Kia estas la spirito, kiu nin ĉiujn ligas inter ni? Pri ĉio ĉi tio mi jam multe parolis, kaj mi ne volas nun ripeti miajn vortojn, des pli, ke ĉiu el vi post kelka meditado facile mem trovos la respondojn. Antaŭ vi, praktikaj Amerikanoj, mi volas analizi alian demandon, nome, ĉu ni kun nia laborado staras sur la vojo tute *certa*, aŭ ĉu ni povas timi, ke iam nia tuta laborado montriĝos vana? Nur plena konscio pri la irota vojo donas al la marŝantoj sufiĉe da energio, por kontraŭbatali ĉiujn malfacilaĵojn, kiuj troviĝas sur la vojo.

La celo, por kiu ni laboras, povas esti atingita per du vojoj: aŭ per laborado de homoj privataj, t. e. de la popolaj amasoj, aŭ per dekreto de la registaroj. Plej kredeble nia afero estos atingita per la vojo unua, ĉar al tia afero kiel nia, la registaroj venas kun sia sankcio kaj helpo ordinare nur tiam, kiam ĉio estas jam tute preta. Kia devas esti la karaktero de la unua vojo, pri tio neniu povas dubi; pri afero, kies tuta esenco kaj vivo estas bazita sur interkonsento, ĉiu komprenas tre bone, ke laborado de amasoj povas ĝin konduki al celo nur tiam, se ĉiuj laboras unuanime. En tia afero, se ĝi per si mem montriĝas vivipova, konkordo estas la plej certa garantio de sendube sukceso, malkonkordo signifas la morton. Tion

konprenas tre bone niaj samideanoj, kaj tial ili kun indigno forpuŝas ĉiun, kiu volas delogi ilin de la komuna vojo. Sed iufoje en la kapo de tiu aŭ alia samideano aperas la sekvanta demando: kio estos la sekvo, se la solvon de la internacilingva problemo volos iam preni sur sin ia granda *forto*, kontraŭ kiu ni ĉiuj estas tro senfortaj, ekzemple la registaroj de la mondo? Ĉu ni devas timi, ke ili eble elektos alian solvon, ol ni elektis, kaj tiamaniere nia tuta laborado fariĝos vana?

Por trovi klaran respondon al tiu demando, ni prezentu al ni, ke la registaroj de la mondo aŭ iaj aliaj grandaj kaj influaj potencoj starigis aŭtoritatan komitaton, kiu devas decidi, kia lingvo devas fariĝi internacia. En la artikolo «Esenco kaj Estonteco», kiun multaj el vi legis en la «*Fundamenta Krestomatio*», mi analizis tiun demandon detale, kaj mi montris tute klare tion, pri kio en la nuna tempo jam neniu esploranto dubas, nome, ke tia komitato, pri kio mi parolis, neniel povus elekti ian lingvon nacian, nek ian lingvon mortintan, nek ian lingvon kun plene el pensita vortaro, sed ĝi devus nepre elekti nur aŭ Esperanton en ĝia nuna formo, aŭ Esperanton iom ŝanĝitan. Se la komitato kontraŭ ĉiuj postuloj de la prudento, volus fari ian alian decidon, ĝia decido restus nur decido papera kaj praktike absolute senvalora. Nun ni rigardu, kia estus la sola maniero, en kiu la komitato povus solvi la lastan alternativon.

Plej nature kaj plej kredeble estas, ke la komitatanoj rezonados simple en la sekvanta maniero: «Ekzistas lingvo artefarita, kiu tute montriĝis vivipova, bonege funkcias, bonege sin tenas jam multe da jaroj, kreis gravan literaturon, [ellaboris sian spiriton kaj vivon, k. t. p.; sekve anstataŭ fari tute senbezone kaj sencele riskajn novajn eksperimentojn, ni simple akceptu ion, kio jam ekzistas, ni donu al ĝi la aŭtoritatan apogon de la registaroj kiujn ni reprezentas, tkaj tiam la tuta eterna problemo estos tuj plene solvita, kaj de morgaŭ la tuta civilizita homaro reciproke sin komprenos.»

Tia, mi ripetas, estas la plej natura decido, kiun ni povas atendi de la registare elektota komitato. Sed ni supozu, ke la komitato trovos, ke diversaj ŝanĝoj en Esperanto estas efektive tre *necesaj*. Kiel do ĝi agos?

Antaŭ ĉio ĝi sin demandos, ĉu ĝi estas sufiĉe *forta*, por altrudi sian teorian volon al tiuj multaj miloj da homoj, kiuj ĝis nun estis la solaj laborantoj en la afero. La Esperantistoj laboris dum longa vico da jaroj, multe laboris, multe oferis kaj kun tre granda malfacileco fine akiris tion, kio dum multaj miljaroj ŝajnis neakirebla kaj kio, unu fojon perdita, neniam plu reakiriĝus, ĉar la mondo perdus la tutan konfidon al la internacilingva ideo. Sekve ĉiu prudenta kaj honesta komitato dirus al si: Ni devas esti tre singardaj por ke anstataŭ akceli la aferon, ni ĝin ne pereigu por ĉiam». Se la komitato scius, ke ĝin elektis ekzemple nur ia unu tre malgranda kaj malgrava landeto, ke la elekto estis nur tute senvalora formalaĵo, ke la elektinto tute sin ne interesas pri la afero kaj ne havas eĉ la plej malgrandan intencon ĝin subteni, nek la forton por tio, tiam prudentaj komitatanoj nur simple esprimus sian opinion kaj deziron pri farindaj ŝanĝoj en Esperanto kaj lasus la akceptadon aŭ neakceptadon al la decido de la Esperantistoj mem, sed neniam komencus konkuradon kontraŭ la Esperantistaro, ĉar ili komprenus, ke morale tio estus nur krimokon traŭ la internacilingva ideo kaj praktike ĝi pli aŭ malpli frue kondukus nur al fiasko.

Nun ni supozu, ke por la decido de la demando pri lingvo internacia estas kreita komitato, kiu havas forton ne *fikcian* sed *efektivan* kaj *grandan*. Antaŭe mi jam montris, ke se tia komitato ne volos, ke ĝia decido restu praktike absolute senvalora, ĝi povos preni nur aŭ Esperanton, aŭ ion tre similan al Esperanto. Mi diris jam ke, plej kredeble ĝi akceptos simple Esperanton en ĝia nuna formo. Sed ni supozu, ke ĝi tion ne volos fari; kiel do ĝi agos? Car ĝi komprenos tre bone, ke por krei vivipovan lingvon tute ne sufiĉas esti instruita homo kaj diri al si «mi kreos»; ke oni ne povas tion fari laŭ mendo en la daŭro de kelke da semajnoj; ke tiu postu as tre ongan, fervoran, sindoneman, amoplenan aboradon, elprovadon, trasentadon, k. t. p.; kaj ĉar ĝi scios, ke ekzistas jam lingvo, super kiu mu te da homoj tre longe laboris, kiu havas mu tejaran historion, grandan literaturon kai tutan vivon, ke tiu lingvo bonege funkcias, kaj nur malmu taj punktoj povas en ĝi esti disputeblaj; tial estas tute kompreneb e, ke se la komitato traktos sian taskon serioze, ĝi ne riskos preni sur sin mem la kreadon de tute nova lingvo, nek prenos alian lingvan projekton, kiun la vivo ankoraŭ ne sufiĉe elprovis, ne komencos tute senbezone sekve neprudente bataladon kontraŭ tiuj, kiuj ĝis nun laboris en la afero, sed ĝi prenos Esperanton kaj faros en ĝi tiujn ŝanĝojn, kiujn ĝi trovos necesaj.

Al kiu la komitato komisius a faradon de la ŝanĝoj? En la tempo *prepara*, kiam estus necese esplori principe la demandon, *kian* lingvon oni devas elekti, la komitato povus komisii la laboron al kiu ajn, zorgante nur, ke la elektitoj estu homoj prudentaj kaj senpartiaj, kaj komprenu la tutan respondecon, kiun ili prenas sur sin. Sed kiam la lingvo estus jam elektita kaj oni decidus fari en ĝi ŝanĝojn, kun kiu oni konsiliĝus pri tiu laboro? La plej simpla prudento kaj la plej simpla komprenado de sciencaj metodoj diras, ke pri tia laboro oni devus konsiligi ne kun personoj, kiuj konas la lingvo de *ekstere*, sed antaŭ ĉio kun personoj, kiuj plej bone konas la lingvo *interne*, kiuj plej multe *laboris* por ĝi, plej multe praktike ĝin *uzis* kaj sekve havas en ĝi plej grandan sperton kaj plej bone konas ĝiajn mank-

kojn *efektivajn*. Ĉiu komprenas tre bone, ke fari ŝanĝojn en iu lingvo, gvidante sin nur per ekstera ŝajn o kaj ne konsilinĝinte kun personoj, kiuj plej bone konas tiun lingvon, estas tia infanaĵo, kiun certe nenia komitato povus fari, se ĝi traktus sian taskon serioze kaj ne estus sugestiata de personoj, kiuj havas ian kaŝitan celon.

Kaj se la komitatanoj decidos fari ŝanĝojn en Esperanto, kion ili povos ŝanĝi? Se ili ekzemple volos diri, « tiu vorto estas prenita el lingvo, kiun parolas cent milionoj, tial ni elĵetu ĝin kaj prenu vorton el lingvo, kiun parolas cent dudek milionoj », aŭ se ili dirus, « al ni ne plaĉas la vorto *estas*, ni preferas *esas*..„ k. t. p., tio estus ja simpla infanaĵo, kiun seriozaj komoj certe ne permesus al si, ĉar ili komprenus, ke en lingvo, kiu havas jam multejaran vivon, ŝanĝi grandan amason da vortoj pro simpla kaprico, pro ia pure teoria kaj praktike absolute senvalora motivo estus sensencaĵo. Memorante, ke oni atendas de ili ne ian teorian filologian amuziĝon, sed laboron *praktikan*, ili kompreneble ŝanĝus nur tiajn vortojn aŭ formojn, kiuj montriĝis kiel malbonaj *per si mem*, malbonaj *absolute*, grave maloportunaj por la *uzantoj* de la lingvo. Sed se vi trarigardas ĉiujn kritikojn, kiuj estis faritaj kontraŭ Esperanto en la daŭro de dudektri jaroj, —kaj Esperanton ja kritikis jam multaj miloj da homoj, kaj certe neniu eĉ plej malgranda el ĝiaj mankoj restis kaŝita. — vi trovos, ke la grandega plimulto el tiuj kritikoj estas simple personaj kapricoj. La nombro de tiuj ŝanĝaj proponoj, kiuj efektive povus havi ian praktikan valoron, estas tiel malgranda, ke ili ĉiuj kune okupus ne pli ol unu malgrandan folieton, kiun ĉiu povus ellerni en duonhoro; sed eĉ inter tiuj tre malmultaj supozeblaj ŝanĝoj la plej gravaj estas nur *plibonigo ŝajna* sed en efektiveco ili post pli matura pripenso montriĝus eble nur kiel malplibonigo. Tiel ekzemple la forigo de la supersignoj kaj de la akuzativo, kion mi antaŭ dekses jaroj proponis por liberiĝi de la turmentantoj kaj faciligi la propagandon, kaj kion postulas la plimulto de la reformistoj, tiu ŝanĝo en la nuna tempo, kaj tiom pli antaŭ la okuloj de registare starigota kaj sekve forton havanta komitato, devas aperi kiel tute neakceptebla, ĉar ĝi prezentus kripligon de la interna valoro de la lingvo, por plaĉi al ĝiaj eksteraj rigardantoj, forigon de necesaj gravaj sonoj el la lingvo kaj de libera vortordo kaj klareco por... ke la presistoj ne bezonu elspezi kelke da spesmiloj kaj la komencantoj ne havu kelkan malfacilaĵon.

Se vi prenos ian artikolon Esperantan, prezentitan, de niaj kontraŭuloj, por senkreditigi Esperanton, vi preskaŭ ĉiam nur trovos unu aferon: grandan amasigon de la plurala finiĝo „j", tiu malfeliĉa „j", kiun neniu tamen kuraĝas kritiki en la bela greka lingvo, estas la kvintesenco de ĉiuj teruraĵoj, kiujn niaj kontraŭuloj montras en Esperanto!

Unuvorte, ĉiu el vi povas facile konvinkiĝi, ke se iam registare starigota komitato decidos fari ŝanĝojn en Esperanto kaj se tiu komitato traktos sian taskon serioze, ĝi povos ŝanĝi en Esperanto nur tre, tre malmulte; la postkomitata Esperanto restos tute la sama lingvo, kiel la Esperanto antaŭkomitata, nur eble kelkaj nunaj formoj fariĝos arĥaismoj kaj cedos sian lokon al pli oportunaj formoj, neniel rompante la kontinuecon de la lingvo kaj nenie ruinigante la valoron de tio kion ni ĝis nun akiris. Tio estas ne nia pia deziro, sed tion plene certigas al ni simpla logiko kaj prudento, kontraŭ kiu certe nenia serioza komitato volos peki, se ĝi ne volos, ke ĝiaj laboroj restu absolute sen ia praktika rezultato.

Nun mi resumos ĉion, kion mi diris. Logika esploro de la afero montras al ni, ke:

1. Lingvo internacia ne povas esti alia ol Esperanto.

2. La evoluado de la lingvo fariĝos plej kredeble nur per tiu sama natura vojo, per kiu ĝi fariĝis en ĉiu alia lingvo, t. e. per la senrompa vojo de neologismoj kaj arĥaismoj.

3. Se iam aperos la neceso fari en Esperanto ian ŝanĝon, tian povas fari nur aŭ la Esperantistoj mem, per komuna interkonsento, aŭ ia grandega forto, sed nepre kun plena interkonsento kun la tuta Esperantistaro.

4. Se iam la Esperantistoj mem aŭ ia granda ekstera forto decidos fari en Esperanto iajn ŝanĝojn, tiuj ŝanĝoj povas esti nur ekstreme malgrandaj, neniam rompos la kontinuecon kun tio, kion ni ĝis nun havis kaj neniam senvalorigos tion kion ni ĝis nun faris, faras, aŭ poste faros.

Tio estas la sola eble natura irado de la aferoj. Ĉiu, kiu volas kontraŭbatali tiun naturan iradon, nur perdos senbezone siajn fortojn. La Esperantaj radikoj de la arbo internacilingva jam tiel profunde penetris en la teron de la vivo, ke ne povas jam ĉiu deziranto ŝanĝi la radikojn aŭ ŝovi la arbon laŭ sia bontrovo.

Karaj kongresanoj. Ĉio, kion mi diris, ne estas ia aŭtora memfido, ĉar mi plene konsentas kaj konfesas malkaŝe, ke, por ŝanĝi ion en la natura irado de la internacilingva afero, mi estas tiel same senpova, kiel ĉiu alia persono. Mi defendas fervore nian nunan vojon, nur tial ke la nere futeblaj leĝoj de la logiko diras al mi, ke tio estas la sola vojo, kiu kun plena certeco alkondukos nin al nia celo. Kiu ajn volus ŝanĝi la naturan iradon de la internaci lingva afero, — tute egale, ĉu li estas malamiko de Esperanto aŭ ĝia plej firma amiko, ĉu li estas senfamulo aŭ eminentulo, ĉu li agas per vortoj aŭ per mono kaj ruzaĵoj, ĉu li estas plej fanatika konservemulo aŭ plej facilanima eksperimentisto de novaĵoj, ĉu li estas plej pura idealisto aŭ plej profitama, egoisto, ĉu li bruas kaj malbenas aŭ kaŝite

laboras sub la tero,—li neniam sukcesos; li povos nur krei kelktempan skismon kaj akiri la malĝojan gloron de la malhelpanto kaj subfosanto, sed neniam li povos devigi ĉiujn amikojn de la internacilingva ideo pro iaj sensignifaj bagateloj forĵeti tion, kion ili posedas, kio montriĝis plene vivipova, en kion estas jam enmetita tia multego da laboroj kaj da vivo kaj kio per natura vojo devas iom post iom konstante ensorbi novajn sukojn. Tion devas bone memori ĉiuj, kiuj laboras sur la kampo de lingvo internacia kaj se ili tion ne memoros, la vivo mem donos al ili la necesan instruon.

Ni povas sekve labori trankvile; ni ne devas malĝoji, se nia laborado estas iafoje tre malfacila kaj sendanka; sur nia flanko estas la fajro de niaj sentoj, sur nia flanko estas ankoraŭ la nerefuteblaj leĝoj de la logiko kaj prudento. Pacience ni semu kaj semu, por ke niaj nepoj iam havu benitan rikolton. Al la Sesa Esperantista Kongreso, kiu sendube enĵetos multe da semoj en la teron Amerikan, mi eldiras mian koran saluton.



# Tro multe da bonaĵo

### Japana humoraĵo

Estis maljuna laboristo. Reveninta de sia laboro, laca kaj malforta li sidis apud la fonto, kiu spegulis lian mizeran sulkan vizaĝon. Li kliniĝis sur la fonton kaj trinkis plengorĝon da akvo Subite la sulkoj malaperis sur lia vizaĝo, li sentis sin juna, li ĝoje ridetis, kaj ankoraŭ unu fojon kliniĝante sur la akvo, li trovis kun miro, ke lia hararo, kiu estis antaŭe tre griza, nun fariĝis tute nigra.

Kun koro ĝojplena kurante li revenis domen. Lia edzino lin ne rekonis kaj eĉ ne povis kredi, ke li estas ŝia edzo. Sed li rakontis al ŝi, kiel li sidis apud la fonto kaj kiel li subite juniĝis. Plu ne povis aŭskulti la edzino, ĉar ŝi devis tuj iri kaj trinki por si mem.

Informite pri la vojo, la edzino rapide foriris por trovi tiun benitan fonton de l'juneco Sed ŝi ne revenis ĝis la nokto. La edzo maltrankviliĝis kaj iris por vidi, kio estas okazinta al ŝi. Li trovis apud la fonto plorantan kaj rampantan infaneton. Tiu ĉi ja estis lia edzino, kiu trinkegis tro multe la akvon kaj tro rapide revenis ĝis la vera komenco de l'vivo.

Ĉif Toŝio.

(El Japana Esperantisto).

# SUR LA BORDO DE MARO

*Junulo starante sur bordo de maro*
*Admiris la forton de tiu akvaro*
*Kaj diris kun voĉo sonora kaj hela:*
*«Ho, kiel la mond'estas granda kaj bela!*

*Kaj kiel profunda kaj vasta la maro,*
*Konstante movanta sin en la ondaro!*
*Ĝi estas la bildo de l'vivo kaj forto,*
*Kaj estas mistera ĝi kiel la sorto!*

*Je l'mar' la ĉielon kompari ni povas,*
*En kiu milegoj da steloj sin movas;*
*Kaj alta ĝi estas, pli alta ol ĉio,*
*La hejmo de l' Suno kaj luma radio!"—*

*Aŭdinte la knabon, la patro respondis:*
*Tre bone, ho filo, vi diris kaj sondis;*
*La mar' estas vere profunda, fortega;*
*La mond' estas bela kaj vasta, grandega.*

*Sed io pli bela ol ĉia beleco*
*Ekzistas, kaj estas la Dia Saĝeco,*
*Pli granda ol mondoj, ĉar Ĝi ilin kreas;*
*La mondoj ŝanĝiĝas, sed Ĝi ne pereas*

*Ĝi estas de l' vivo la fonto mistera,*
*Pli forta ol forto ĉiela aŭ tera.*
*Pli alte ol Suno, en lumo sen limo*
*Destinis Ĝi lokon al homa animo."*

Francisco Waldemiro Lorenz



# Vortaro Esp. Portugala

Letero sendita al S-ro
D-ro Tobias R. Leite
Campinas

Estimata Sinjoro

Kun granda plezuro ni plenumas nun la agrablan taskon danki al vi la gravegan servon, kiun vi faris al ĉiuj brazilaj esperantistoj kaj speciale al B. L. E. per la lerta verkado de via utila Vortaro kies apero certe multe faciligos la laboron de la lernantoj de nia lingvo.

B. L. E. ankaŭ sincere dankas vin pro la altvalora helpo, kiun vi alportis donacinte al ĝi ekzemplerojn de via verko kaj ĉiujn profitojn, kiujn vi rajtis.

Plie ni entuziasme gratulas vin, ĉar ni estas certaj, ke niaj samideanoj ricevos vian verkon laŭ nedubeble meritas ĝia utileco kaj la klereco de ĝia aŭtoro. Kua alta estimo via.

*Mello Souza*
1ᵉ Sekretario

# Kanto de Kafkulturistoj

(Popola S. Paŭla Kanteto)

Tra montetoj, tra montaro,
Dissemadu ĝoje ni;
Kaj tre baldaŭ kafarbaro
Ekaperos tie ĉi

Kresku, kresku, kafarbetoj
El la ruĝa tero tuj;
Dank'al viaj la fruktetoj
Pliriĉiĝas la Patruj'.

Kiam l'arbo, do, kreskiĝos
Ĝin beligos blanka flor',
Verdaj grajnoj aperiĝos...
Ili estos la trezor'...

Pasas tagoj kaj semajnoj
Venas Majo, ĝoju ni!
De l'arbar' la verdaj grajnoj
Iĝas ruĝaj, dank'al Di'.

La rikolto tiam venos
Kaj de l'kafo la prepar',
En laboro ĉiuj penos
En farmej,' en kafarbar'...

Jen la kafo preparita
Nigra, nigra, la likvr'
Ĝin vi trinku... Fortigita
Estos tiam via kor'.

Semistinoj kaj semistoj,
Gekunuloj, al labor'!
Dank' al vi, ho laboristoj,
Jen la kafo, la trezor'...

*J. B. Mello Souza*

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Sekve de la deziresprimoj de ĝia unua kongreso, nova Statuto de U. E. A. estis ellaborita kaj lastatempe submetita al la voĉdonado de la plenrajtaj Delegitoj, kiuj estos fiksataj de nun en la Statuto.

La ŝanĝoj enkondukataj de tiu Statuto estas resumeblaj jene :

1e.— La membroj pagos de nun kotizaĵon da 5o Sd. ( anstataŭ 36) kaj interŝanĝe senpage ricevos la Oficialan Jarlibron. Fakte la kotizaĵo estas malpligrandigata, ĉar anstataŭ pagi 36 Sd. por la kotizaĵo kaj 50 Sd- por la Jarlibro, kiel antaŭe, oni pagos entute nur 50 Sd. Konsekvenco de tiu novaĵo estos de plivalorigo de la Oficiala Jarlibro de U. E. A., pri kiu ni povas garantii minimuman. presadon de 9.000 ekzempleroj ĉien dissendotaj. Aliparte la ĝisnuna sistemo por numerado de membroj iom komplika, estos forigata. La membroj senpage simple ricevos de la Centra Oficejo de U. E. A. sian membrokarton kun la Jarlibro : ili estas simple mumerataj de 1 ĝis senfino.

2e. — Estas kreata nova kategorio de membroj, nome *aprobantoj ;* ili estos varbataj inter tiuj personoj, kiuj aprobas Esperantismon kaj U. E. A., sed nun ne povas aktive partopreni en nia movado ; ili pagos kotizaĵon da 1 Sm.

3e.— En ĉiu regiono, kie estas minimume 20 membroj, kaj en ĉiu distrikto, kiu estas almenaŭ 100 Esperantianoj, estos starigataj ĉiujaraj kunvenoj de l'Esperantianoj, kiu havos la rolon aŭdi la raportojn de la Delegitoj, interŝanĝi ideojn pri Esperantiaj aferoj kaj fiksi la ĝeneralan agadplanon por la regiono aú la distrikto.

4e. La centra organizo de U. E. A. ricevis la jenan ŝanĝojn: La ĝenerala gvidado de l'Asocio, ellaborado de la regularoj kaj kontrolado de la administrado estos komisiata al Komtato da 10 membroj ( anstataŭ 8 ) kaj 3 anstataŭantoj. Tiu Komitata estos tute internacia. Aliparte la administrado de la Asocio, plenumigo de la laboroj kaj direktado de la servoj estos komisiata al Direktoro, Vicdirektoro kaj fakestroj, kiuj kun oficistoj sidos en Ĝenevo kaj kune formos la Centran Oficejon de U. E. A.

5e. En ĉiu regiono, kie tio estos ebla, estos starigata regiona kaso, provizata per 1|2 de la kotizaĵo de la aprobantoj kaj 1|10 de la kotizaĵoj de la Entrepenoj ( kiu restas samaj kiel antaŭe ). Tiuj regionaj kasoj celas faciligi la propagandon lokan por U. E. A. kaj ankaŭ diskonigon de la regiono per U. E. A. (gvidfolioj, gvidlibroj, ktp ).

6 e. — Fine estos starigata interne de U. E. A. reprezentado de la fakaj internaciaj organizaĵoj havantaj neŭtralan karakteron, kondiĉe ke ili estu Esperantiaj Entrepenoj aŭ Asocioj. Tiel ebliĝos utila kunlaborado inter U. E. A. kaj la fakaj societoj.

Tiuj diversaj ŝanĝoj estos aplikeblaj tuj de nun kaj la Delegitoj ricevos dum oktobro ĉiujn dokumentojn necesajn por sia agado dum 1911. La Jarlibro aperos dum novembro.

La diversaj distriktaj Delegitoj estas nun elektitaj plejparte kaj oni povas antaŭdiri viglan agadjaron por U. E. A.

Ni rememorigu,ke la nombro de la Esperantianoj dum 1910 estis 8000, la nombro de la Delegitoj 900. Oni havos ideon pri la jam nuna utileco de U. E. A. citante tiun fakton, ke la statistiko, kies elementoj estis liveritaj de la Delegitoj, estis faritaj dum 1909 1753 servoj por komerco, 1012 pri turismo, 359 por junuloj kaj 1020 al travojaĝantaj. Esperantianoj. La Delgito ricevis 4391 leterojn kaj forsendis 5021.



# KRONIKO

---

ŜTATO PARA'—Du kursoj de Esperanto malfermiĝis ĉe la societoj «União Hespanhola» kaj «Instituto Civico Paes de Carvalho». La kursoj estas direktataj de l'profesoro d-ro Nuno Baena, prezidanto de Norda Matena Stelo.

ŜTATO PIAUHY—La prezidanto de B. L. E. ricevis de pastro Olegario Ribeiro Memoria, loĝanto en urbo Parnahyba, leteron per kiu li promesas fari ĉiujn klopodojn por disvastigo de Esperanto en tiu ŝtato. Ni deziras venkon al lia entuziasmo.

—Dum la 3ª. Brazila Kongreso de Esperanto estis delegito de B. L. E. en tiu ŝtato la ĉefinĝeniero de la telegrafa distrikto, s-ro João Baptista de Oliveira Bello.

ŜTATO PARAHYBA. — La propagandema esperantisto pastro Mathias Freire, unua sekretario de Leĝiga Ĉambro de Parahyba, sendis al granda nombro de siaj kunŝtatanoj cirkuleron invitante ilin partopreni en la «grupo esperantista de Norda Parahyba», tuj fondota. Ni ĝoje vidas la entuziasmon, kiu nun regas inter niaj nordaj samideanoj.

ŜTATO PERNAMBUCO.—Ĝoje ni sciigas al nia legantaro ke, per klopodoj de la distinginda profesoro Manoel Féodrippe de Souza, estas ĵus fondita en Recife, grupo por la propagando de nia kara Esperanto. *Esperantista Ligo Pernambuka* estas la nomo de la nova asocio, kiu nun estas direktata de la jena provizora estraro: prez. Methodio Moranhão; vicprez. Bianor de Medeiros; 1.ª sek. Manoel F. de Souza; 2ª Sek. Domicio Rangel; oratoro J. C. Leal de Barros; vicoratoro Oscar Coelho de Souza; kas. Francisco de Paula Costa Pereira; vickas. J. A. Silva Braga; bibl. José de Lourdes Féodrippe de Souza. La nuna sidejo estas en la Kolegio de s-ro Manoel F. de Souza, strato 1 de Março, 13.

ŜTATO ALAGOAS.—Daŭrigas produkti plej bonajn rezultatojn la bela parolado farita je la 10 a de Julio de s-ro Antonio Carlos de Arruda Beltrão, prezidanto de Alagoas Esperanta Klubo. Tiu parolado estas publikita de ĵurnaloj de Alagoas kaj Pernambuco kaj estos presita en libretoj de la esperantistoj de ŝtato Parahyba do Norte.

ŜTATO BAHIA.—Je la 7ª de Novembro estas fondita, en la ĉefurbo de tiu ŝtato ĉe salono de la framasonaro, *Grupo Esperantista da Bahia*, filiita al U. E. A. Estas aklamita la provizora estraro jena: Koronelo Geraldo Dias, prez. Affonso Costa, sek. Airo Mars, kas.

Por organizado de la statutoj, oni elektis komitaton, en kiu partoprenas s-ro Magnus Söndahl, profesoro de Esperanto per B. L. E. Estas malfermota kurso senpaga, kiu funkciados 2 foje ĉiusemajne, en la framasonejo.

RIO DE JANEIRO.—Je la 7ª de Oktobro, ĉe hotelo Paris, okazis la vespermanĝo dediĉita al sroj. Mello e Souza kaj Querino de Oliveira, kiuj reprezentis brazilajn estraron kaj esperantistaron dum la Kongreso de Usono.

—Ankaŭ je la 6ª de Novembro okazis en Leme tagmanĝo en kiu partoprenis 24 gesperantistoj; poste iuj esperantistoj kaj multaj aliaj, kiuj alvenis, kuniris al Ipanema, belega promenejo de la ĉirkaŭurboj de Rio, ĉe Atantiko.

—En la tagoj 4ª kaj 7ª de Novembro okazis esperantaj ekzamenoj por havigo de *atesto pri lernado*; bone sukcesis la jenaj gesamideanoj, fïnoj Odette Silva e Oliveira, Idalina Pereira, Isaura Pereira de Castro, Maria Joaquina Paiva Palhares, Dagmar de Almeida, kaj Carmen Monat; sinoj Baptistina Lott kaj Luiza Couto s-roj. Jorge Gomes Pereira, Osmany Coelho e Silva, Manoel Lopes Ivort kaj João Freire de Andrade.

ŜTATO S. PAULO.—Fabrikejo de cigaroj k. s., kreis novan markon nomitan *esperanto-cigaredoj.*

—Livraria Salesiana de S. Paulo ĵus presigis bonegan propagandilon: ĝi publikigis folion, kvazaŭ ĉefeĉaj ŝlosiloj, enhavantan la tutan gramatikan kun ekzemploj kaj klarigoj, vortareton kaj grandan nombron de ekzercoj. Imitinda ekzemplo! La folioj kostas 100 rejsojn po ekzemplerojn,1$000, 25 ekz. 3$000 la cento. Por mendoj sin turnu al Livraria Salesiana, S. Paulo.

ŜTATO MINAS GERAES.—La prezidanto de B. L. E, inĝ. Couto Fernandes, ricevis viziton de s-ro João A. Gonçalves, tre distinginda profesoro de lingvoj en internato de gimnasio Minas'a en urbo Barbacena. Tiu sinjoro montris sin entuziasmita por Esperanto kaj deziras fondi grupon en Barbacena. Tre bonan impreson kaŭzis la vizitinto, kiu elmontris konaĵojn de nia lingvo de li akiritajn dum malmulte da tempo. Ni esperas ke tiel bona semo kaj bonega tero produktos belajn fruktojn.

—Por doni posedon al la estraro de *Grupo Esperantista de Juiz de Fóra,* foriris je la 15 de Oktobro, al tiu urbo, komitato de esperantistoj, konsistanta el dro Ataliba Amaral de Araujo, prezidanto de la organiza komitato por la 4ª Brazila Kongreso de Esperanto kaj inĝenieroj Everardo Backheuser kaj Alberto Couto Fernandes, honora kaj efektiva prezidantoj de Brazila Ligo.

Je la 16-a tago ili faris oficialan viziton al D-ro Eduardo de Menezes, honora prezidanto de

la Akademio Literatura de Minas. Poste la esperantistoj iris al s-ro Paulino Bandeira, prezidanto de l'Grupo, kiu prezentis tablon je sukeraĵoj.

Je la 2-a vespere, sro Couto Fernandes faris paroladeton pri kelkaj punktoj de la esperanta gramatiko. Sekvis ekzameno por *atesto pri lernado*, sukcesinte la jenaj sinjoroj: Eduardo de Menezes, José H. Dutra, João Lustosa, Paulino G. Bandeira, Joaquim do Nascimento, Benjamin Colucci, José do Patrocinio Pontes, J. Simões de Faria, José do Nascimento kaj Moraes Schimitz.

Je la 6-a vespere okazis vespermanĝo dediĉata de la esperantistoj de Juiz-de-Fora al siaj samideanoj de Rio, dum kiu oni, komprenebIe, nur parolis en Esperanto, plej granda ĝojon tie regante. Je l'deserto parolis sroj José de Patrocinio kaj Everardo Backheuser.

Je la 8-a vespere, ĉeestanta grandnombra kaj distinginda aŭdantaro, dro Antonio Carlos Ribeiro de Andrada, prezidanto de la Urba Ĉambro, malfermis la kunsidon, kaj dro Couto Fernandes donis posedon al la estraro de la *Grupo Esperantista*.

Poste parolis droj Ataliba de Araujo kaj Benjamin Colucci, kiu salutis la grupon kaj Brazilan Ligon.

Okazis tiam la parolado de dro Everardo Backheuser, ilustrita per lumaj bildoj; la parolinto estis longe aplaŭdita.

Estis, unuvorte, belega festo kiu tre certe okazigos plej bonajn rezultatojn.

ŜTATO MATTO GROSSO.—Aliĝis al B. L. E. la jenaj sinjoroj: Manoel P. Cuyabano Lindolpho P. Cuyabano, Salvador Pompêo kaj Aristides Pompeo P. Campos.

**H. M.**



## Esperantista Murkalendaro

ROR 1911

DEVIZO: "NENIU TAGO SEN ESPERANTO"

Acabam de apparecer as novos folhinas esperantistas ara o anno de 1911. Essas folhinhas, editadas por J. L. Bruiin de Haya, constam de uma bella gravura allusiva ao Esperanto e de um bem impresso bloco cujas paginas contêm, alem das indicações habituaes, grande numero de versos, anedoctas, poezias, kistorietas e pequenas comedias de conhecidos esperantistas.

Todo o esperantista deve possuir o *Murkalendaro*, magnifico *propagandilo,*

**Preço 1$500**

Para encommendas, dirigir-se ao Secretario da Brazila Ligo Esperantista, RUA 7 DE SETEMBRO, 195.

## ESPERANTO PRATICO

« Kœnigsberg.—M. Meyer, negociante, narra que, durante sua viagem ao Brazil, o conhecimento do Esperanto trouxe-lhe vantagens commerciaes as mais apreciaveis. Em Santiago, Rio de Janeiro, Valparaiso, Liverpool, Londres e Bruxe as recebeo sempre o mais so icito appoio por parte dos esperantistas locaes. » ( El Germana Esperantisto ).



## NOVAJ GAZETOJ RICEVITAJ

**Nederlanda Katoliko.** Oficiala organo de la Nederlanda Katolika Esperantista Ligo. Administracio: Joh Lüneman, v. d. Neerstr. 40, ' s — Hage. Holando. Prezo.... Sm 0,70

**Mitteilungen.** ( Esperante kaj Germane). Redakcio: Dresden— A., Zahnsgasse 12, Hans ahaus. Germanujo. M. 2.

**Ardena Stelo.** Monata revuo de Ardenaj esperantistoj. 40, Strato Baron-Quinard Charleville. Prezo.. fr. 1,50.

**Laborista Esperantisto.** Monata organo de la ĝenerala Haga Esperanta Laborista Klubo. Redakcio kaj administracio: R Coomans, Falck-straat 175, Hago— Holando. Prezo... fr 0,60.



# O ESPERANTO NO ESTRANGEIRO

NORUEGA,—Fundou-se a « Norvega Tutlanda Esperantista Asocio», cujo fim é activar a propaganda da lingua internacional em todo o paiz.—Abriram-se cursos em muitas cidades.

FRANÇA.—Os esperantistas francezes recomeçaram a propaganda junto aos deputados do parlamento da Republica para a approvação do projecto de Godar-Cornet' que tem por fim a introducção do Esperanto na instrucção publica. Até 20 de Setembro ultimo a Commissão Central tinha recebido 35 respostas favoraveis.—Durante o 2º Congresso internacional do ensino primario que teve lugar em Paris, na Sorbonne, no mez de Agosto ultimo, sob a presidencia de honra do Presidente do Conselho dos Ministros, os professores esperantistas reuniram-se em assembléa geral e votaram importantes resuluções.—Em Sotteville-les-Rouen (Seine-Inférieure), o Conselho Municipal acaba de votar por unanimidade, o seguinte voto:—«O Conselho Municipal emitte o voto de que o Esperanto, lingua auxiliar que devemos ao genio de Zamenhof, e que já uma grande parte das nações adoptou com enthusiasmo, seja introduzido nos programas do ensino publico em todos os gráos.

BELGICA.—A commissão organisadora do 7º Congresso Internacional, *La Sepo por La Sepa*, trabalha desde já com grande actividade. A inscripção como membro desse congresso custa 5 Sm, devendo toda correspondencia ser dirigida ao Sr. Van der Biest, Minderbroedersrui, 76, Antwerpen. A Commissão já recebeo 120 adhesões e ainda faltam 10 mezes para a abertura do congresso!—O hotel « Metropole » de Bruxellas publicou um bello guia illustrado, cujo texto é redigido em francez e Esperanto —O «Instituto Internacional de Bibliographia" e o « Office des Associations Internationales» adoptaram *officialmente* o Esperanto, e essa resulução foi communicada por carta ao Général Sebert pelo secretario geral dessas associações.

HOLLANDA.—Appareceram em Haya dois novos jornaes, cujos nomes são: « Nederlanda Katolika » e « Laborista Esperantisto.

ALLEMANHA.—No « Apollo-Theater » de Augsburs teve lugar no dia 12 de Outubro uma representação de peças em Esperanto.—Fundou-se em Breslau um instituto especial para o ensino da lingua auxiliar.—O grupo de Dresden resolveo arranjar durante a Exposição Hygienica Internacional, em Agosto de 1911, diversas reuniões de esperantistas.—A excellente revista quinzenal«Germana Esperanto-Gazeto», que se edita em Magdeburgo, começou a publicar um supplemento denominado «Varitea Mondo», que será o orgão official da « Varitea Esperantista Ligo », composta de artistas de theatro. Aquella revista recebeo um donarivo de 10.000 marcos para manutenção de cursos de Espetanto.—O grupo de Bromberg resolveo dar um premio de 100 marcos ao melhor alumno dos cursos de Esperanto que funccionam nessa cidade.—O grupo operario de Hannover iniciou um curso para 100 alumnos,—O Conselho Municipal dessa cidade autorizou o ensino do Esperanto em todas as escolas, abrindo um curso especial, afim de preparar professores para essas escolas.

HUNGRIA.—A condessa Andrany, mulher do antigo ministro do interior da Hungria acceitou o patronato da « Hungara Esperantista Societo ».—Fundou-se um novo grupo em Vorzprém.

SUISSA.—Realisou-se no mez de Setembro ultimo em Aarau um Congresso de esperantistas suissos.—O orgão do professorado suisso publicará regularmente artigos de propaganda e outros redigidos emEsperanto.

PORTUGAL.—Realizou-se no dia 28 de Setembro, na séde do « Lisabona Esperantista Grupo » uma sessão de propaganda, que foi presidida pelo Sr. Bernardino d'Almeida. O Sr. Horner leu um relatorio sobre o 6º Congresso Internacional. Ao terminar a sessão o presidente exprimio o desejo de ver, em breve em Lisbôa, uma assembléa nacional dos esperantistas de Portugal.—O Boletim da Associação Commercial de Lojistas publicou um excellente artigo sobre o Esperanto e U. E. A. da lavra do Sr. Carvalhido.—Tendo os esperantistas portuguezes recebido grande numero de pedidos de informações por meio da lingua Esperanto, sobre a revolta de Portugal, o grupo de Lisbôa resolveo enviar um artigo para o jornal « Esperanto » relatando imparcialmente os acontecimentos. Eis uma excellente prova da utilidade do Esperanto !

HESPANHA.—Pouco a pouco o Esperanto penetra no mundo official. Na lista dos congressos internacionaes, scientificos, sociologicos, economicos, organisado pelo Ministerio da Instrucção Publica e publicada na « Epoca » de Madrid, figura o Congresso de Washington com o nome do representante official do governo.—O orgão official do professorado, « Escola Moderna » de Madrid, publica regularmente uma pagina sobre o Esperanto.

TURQUIA.—Fundou-se em Heraclion, ilha de Creta, mais um grupo esperantista, cujo regulamento foi approvado pelo governo da Ilha.—O delegado de U. E, A. em Constantinopla abrio um curso, no qual inscreveram-se persas, gregos, allemães, russos, francezes e italianos. Verdadeira salada de linguas !

RUMANIA.—Appareceo em Buckarest um novo jornal, denominado « La Estonto ».—Na escola commercial « General Adrian » o Esperanto é agora ensinado officialmente.

BULGARIA.—No programma do gymnasio de Dupnitza foi introduzido o ensino facultativo do Esperanto, abrindo-se em seguida um curso semanal desse idioma. O Sr. Kanceo offereceo 200 francos como auxilio aos alumnos pobres e prometteo premios aos que obtiverem os primeiros lugares nos exames finaes.—Realisou-se durante o mez de Agosto em Sofei o 4· Congresso dos esperantistas bulgaros no qual tomaram parte 75 rumaicos. Entre os resultados obtidos salienta-se a fundação de um jornal « Danubo » que será o orgão commum dos esperantistas da Bulgaria e da Rumania. Elle será redigido totalmente em Esperanto e editado em Buckarest.

CANADÁ.—O Esperanto tornou-se lingua official da parochia de Brandon. O Padre Decoene prega, confessa e explica o cathecismo em Esperanto e só assim elle poderia prodigalisar seus serviços aos imigrantes de 32 nacionalidades de que elle é o pastor,

MEXICO,—Fundou-se em Merida ( Yukatan ) uma sociedade esperantista.—Por occasião da festa do Centenario da Independencia organisaram os esperantistas um bello concerto no Theatro Hidalgo, sendo levada a scena a comedia « Veneno », original em Esperanto do Sr. R. Limones. No dia immediato realisou-se um banquete no restaurant « Tivoli del Eliseo ».

COSTA RICA.—O governo dessa Republica fez-se representar no 6· Congresso de Esperanto pelo Sr. Joaquim Costa Rico. ministro plenipotenciario em Washington.

CUBA.—Na lista dos themas a serem discutidos no 1· Congresso Nacional Pedagogico, que terá lugar brevemente em Havana, figura o seguinte : « O Esperanto sob o ponto de vista pedagogico »—Já existem nessa formosa ilha 4 grupos femininos, em Santa Clara, Caibariéu, Remedios e Camagua. Está em organisação a « Virina Esperanta Asocio » que será um laço de união entre as esperantistas cubanas.—Estava marcado para 25 de Outubro a inauguração do « Club Esperantista Universitario", em Havana, devendo ter começado a funccionar em seguida a Academia Esperantista.

NOVA ZELANDIA.—Fundou-se um grupo em Gisborne.—A secção de Turismo e Saude do governo desse paiz editou um guia em Esperanto, contendo bellissimas illustrações.

A. C. F.

## BIBLIOGRAFIO

*Antverpeno kaj la sepa universala kongreso de Esperanto.* Eldonaĵo de « Anvers—Reclame » kaj de « La Sepo por la Sepa ». – 70, Minderbroedersriu. Antwerpen, Belgujo.

*Kiel plaĉas al vi.* Komedio en kvin aktoj. Verkis Shakespeare kaj tradukis Dro Ivy Kellerman Speciale tradukita por, kaj ludita ĉe la Sesa Internacia Kongreso de Esperanto. Washington. D. C., Usono.

*Kondukanto al la Stacia Pilkludo* (Basbalo). Aranĝis Erik, kun antaŭparolo de Thomas S. Rice, redaktoro pri Sportoj Washington (D. C.) «Times». American Sports Publishing Co. 21 Warren Street, New York... Prezo—Duonspesmilo.

*Petit Cours primaire d'Esperanto* en 50 leçons graduées, par MM. D. BONNEHON, Inspecteur de l'enseignement primaire, et A. ROSIAUX, instituteur public. 1 ilustrita volumo bindita, in-16, 127 paĝa. *librejo Hachette et C.*, 79 boul. Saint Gemain, Paris, prezo, Fr. 1,20,—Jen estas bonega lernolibro tre rekomendinda al ĉiuj instruistoj, kiuj celas la sciadon de la lingvo Esperanto, instruante ĝin al iliaj lernantoj.

Tiu ĉi lernolibro, tre zorge ilustrita kaj bindita, enhavas multajn ekzercojn (thèmes et versions) bone gradigitajn; legadojn; prozaĵojn versaĵojn parkere dirotajn; 200 kutimajn frazojn kaj proverbojn kun la franca traduko; kaj fine vortaretojn esperantan-francan kaj francan-esperantan.

Se, laŭ la opinio de Tolstoi, *«la sukceso de Esperanto estas nur pedagogia, lerneja afero»*, ni certigas, ke la verketo de Soj Bonnehon kaj Rosiaux, havigante bonegajn rezultatojn al ĉiuj popollernejestroj, donos novan autaŭenpuŝon al la disvastigo de la lingvo internacia.

*Dictionaire complet Esperanto Français,* par GROSJEAN-MAUPIN, prof, agrégé de l'Université. 1 bela volumo bindita, 288-paka. *Librejo Hachette et Cie* 79, boul, St. Germain, Paris; prezo: Fr. 2,—

Tiu vortaro, kies aŭtoro povis profiti el ĉiuj antaŭaj laboroj, prezentas frukton el grandega kaj konscienca penado, kaj estas, laŭ ĉiu ajn vidpunkto, malgraŭ la tre malgranda kaj tre oportuna poŝformato, la plej kompleta, la plej akurata, la plej preciza kaj la plej metoda el ĉiuj ĝis hodiaŭa tago aperintaj esperantaj vortaroj. Oni trovos en ĝi senescepte ĉiujn radikojn akeeptitajn de Zamenhof, eĉ en siaj plej ĵusaj verkoj, el kiuj kelkaj trovikas en neniu ajn alia vortaro. Ni tre rekomendas tiun verkon al niaj legan-toj kiuj konas la francan lingvon.

*Veneno,* Unuakta komedio, originale verkita en Esperanto de Râmon Limones. Prezo. sm 0.50. Imprenta Internacional, 1a. Aduana Vieja, num. 4 Mexico.

*Pasho al perfetigo de Esperanto.* Verkis Zygmunt Romanski. Aĉetebla ĉe aŭtoro en Dub'any apud Liwow Aŭstrio Galicio. Prezo. 1 krono.

*Salome.* Dramo en unu akto de Oskar Wilde, tradukita de H J Bulthuis. N 1 de la kolekto de Esperanto Teatro Internacia C. L. G Veldt. Amsterdamo, Holando.

## KORESPONDADO

Deziras korespondi per ilustritaj poŝtkartoj:

S-ro Manoel P. Cuyabano—Rosario Oeste—Matto Grosso—Brazilio.

S-ro Lindolpho P. Cuyabano—Rua Municipal, 2—Cuyabá—Matto Grosso—Brazilio.

S-ro. Ludvik Jirásek—Meziriĉi.—Bohemio—Austrio.

S-ro R, Odinot, Montbozon, Haute Láona, France.

S-ro Inun Amaches, Pendela Cren 10 Tda —Barcelona—Hispanujo.

Sino Bella kaj Fino Mabel Gockenocier—523 S. Cummings St.—Los Angeles Cal. U. S. A.

S-ro Gertrud Setrich—Leipzig—Gohlis, Herlspesohustr.—Germanujo.